# Esperanto Hamburg



6/1992

Decembro/Januaro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.









# Zamenhoffesto 1992

**sabaton, 12-12-92**

## Atentu! La festmenuo komenciĝos jam je la 19a horo

*daŭrigo: p. 3*

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 1/1993:**
**15-01-93**

## Sentenco

**Estas preskaŭ neeble, porti la torĉon de vero tra homamaso, sen bruletigi ies barbon.**

Lichtenberg

## Oni imagu...

ke GEA planas por la jaro 1995 (!) fine pritrakti la celon, prezenti al la ekstera mondo unuecan aspekton de ĉiuj eldonaĵoj. Fakte estas bona ideo, sed GEA tiukampe estas rapida kiel hipopotamo. Jam antaŭ la 100-jariĝo de Esperanto devus esti konata afero: Necesas kvazaŭ ia *marko-rekonilo* por la Esperanto-movado. Kiam UEA en 1987 ekuzis novan simbolon, tiun "ovon" , multaj el niaj samideanoj protestis, ĉar ili sentis, ke la kvinpinta stelo - kiun oni ĝis tiam uzis - pli bone reprezentus la movadon. Tamen la stelo ne estas rekomendinda: ĝi nepre devas esti verda. Sed kiuj el niaj presaĵoj - plej ofte fotokopioj - povas enhavi verdan stelon? La "ovo" - aŭ pli bone nomata: la "duobla E" - povas aperi en ĉiu koloro.
Tiel ĉi aperas eldonaĵoj de HES ekde 1988:

**Esperanto**



die Internationale Sprache

En 1990 la estraro de HES decidis fondi la *Instituton de Esperanto Hamburg*, por kunordigi ĉiajn publikajn aperojn de Esperanto en Hamburg kun unueca aspekto. La Landa Ligo de GEA transprenis tiun ĉi "bildon" de Esperanto, kaj la *INSTITUTO fariĝis la PR-agentejo de la Hamburga Movado.* Tio signifas, ke ni en Hamburg jam dum kelkaj jaroj - konsciante pri psikologiaj meĥanismoj - prezentas Esperanton ĉiam en sama maniero kaj aspekto: Homoj, kiuj unufoje vidis ion pri Esperanto, tuj rekonos ĝin!

Benno Klehr

*Daŭrigo de paĝo 1*






12.12.92

# Zamenhoffesto 1992

Komenco 19.00 h

## Programo

| | |
|---|---|
| 19.00 h | **Salutvortoj** de la prezidanto |
| 19.15 h | → **1a manĝometo**: Skandinavio |
| | **Prelegeto**: El la verkaro de Zamenhof |
| 19.45 h | → **2a manĝometo**: Pollando |
| | **Prezentaĵo**: Kantado |
| 20.15 h | → **3a manĝometo**: Hungario |
| | **Prelegeto**: Esperanto kaj la internacia ideo |
| 20.45 h | → **4a manĝometo**: Hispanio |
| | **Prelegeto**: El la Esperanto-movado |
| 21.15 h | → **5a manĝometo**: Aŭstrio |
| | **Prezentaĵo**: Amuzaj rakontoj |
| 21.45 h | → **6a manĝometo**: Germanio |

# Kotizoj 1993

| Kategorio | HES | GEA | entute GM: |
|---|---|---|---|
| Plena membro | 55,- | 60,- | 115,- |
| Familiano | 35,- | 30,- | 65,- |
| Studento, Lernanto, Membro sen enspezoj Senlaborulo | 35,- | 30,- | 65,- |
| Junulo ĝis 26 jaroj | 30,- | 30,- | 60,- |
| Patrona membro de GEA | 55,- | 120,- | 175,- |

Bonvolu ĝiri al la konto de HES, indikante celon kaj nomon aŭ pagu rekte al Hella Lanka.

Ĝiradon direktu al: Hamburga Esperanto-Societo,
**Poŝtĝirokonto Hamburg n-ro 173 22 - 207**

## Germana-Israela Societo

La Landa Ligo Hamburg de GEA sendis la rezolucion de GEA (vd. p. 6) ankaŭ al la Germana-Israela Societo en Hamburg. Ili tuj reagis kaj proponis komunan publikan laboron. La unua renkontiĝo por reciproka konatiĝo verŝajne jam okazos komence de Decembro 1991.

Benno Klehr

## Kurso por progresintoj

Meze de Januaro 1993 komenciĝos nova kurso por progresintoj en Hamburg. Gvidos ĝin Jürgen Wulff. Ĝi okazos en la Esperanto-domo, verŝajne merkrede ekde la 18a horo.

Nu is dat so wiet! Nu kann ik uns Beten Platt ok so as dat Originaal schriewen: in Fraktur. Toeerst hew ik dat mit so'n köfften Meß versökt: **Fette Fraktur** nennt se dat, klauk as'n Imm... blots weet de junge Lüüd meist daar nix von af; de Komputer - Michels sünd al meist nich öller as dottig. Keen lang „ſ", bloots een „s" wo süht dat ut? To'n Biespeel dat Word **Delikatessen** in de **Fette Fraktur**, so mit'n dubbelt **s** - wo kann sowat angahn? Nee, sowat künnt wi nich bruken! Dorüm müß ik allens sülms maaken: Op'n Komputer elkeen Bookstaven teken un een niege Schrift von maken. Dat weer bannig veel Puulkraam. Aver nu is dat fardig, un wi könt uns Platt so as wennt schriewen un lesen.

BK

Rudolf Tarnow:

# Delikatessen

Bi Kopmann Otto Heidemann,
Dor baben in de Königstrat,
Kümmt eines Dags ein Buer an,
Oll Jochen Klävenow ut Plat,
Un ward in 'n Laden mang de Trüffeln
Un Lachs un Hummer rümmersnüffeln.

„Nun, was soll 's sein?" fröggt de Kommis.
„Jä," seggt nu Jochen, „gäben S' mi
Mal twei grot Nullen Priemtoback,
So ollich streffen von Gesmack."

De Ladendeiner kickt em an,
Nu kümmt ok sülwst Herr Heidemann,
De hett dat hürt un kriggt dat Lachen:
„Sie fordern ja famose Sachen,
Sie haben das wohl ganz vergessen,
Ich führe nur Delikatessen!"

„Dat weit ick woll", seggt Klävenow,
„Hürt Priemtoback dor nich mit tau?"

# Rezolucio de Germana Esperanto-Asocio

okaze de la kontraŭeksterlandanaj atakoj dum la lastaj monatoj en Germanio

Germana Esperanto-Asocio, kiel reprezentanto de civitana kaj kultura movado aktivanta de pli ol 100 jaroj por kompreno kaj paco inter homoj de malsamaj naciecoj, eksterordinare indignas pri la aktuala ondo de perforto kontraŭ eksterlandanoj en Germanio. Kun abomeno kaj hororo ni vidas, ke ŝovinismo kaj rasismo en blinde furioza malamo disvastiĝas pli kaj pli en Germanio kaj danĝerigas nian demokration. Kiu hodiaŭ silente rigardas, kiam oni batas fremdulojn, morgaŭ devos rigardi, kiel oni bruligas librojn kaj kiel postmorgaŭ oni murdos tutajn grupojn el la popolo. La pretendo, ke Germanio "ne estas lando malamika al eksterlandanoj", fariĝas nuda ciniko.

Germana Esperanto-Asocio tial postulas:

- efikan protekton kontraŭ atakoj al korpo kaj vivo de homoj, kaj energian agadon de polico kaj justico kontraŭ la obstinaj perfortuloj;

- ampleksan dialogon inter socio kaj politiko sur ĉiuj niveloj, por venki la estiĝintan fremdiĝon kaj por serĉi eventualajn solvojn por la realaj problemoj kun konsidero de ties kaŭzoj;

- solidaran kaj aktivan pledon de ĉiuj demokratoj en "reto de solidareco" kontraŭ la terorismo de la politikaj dekstruloj, per tio ke pli ol ĝis nun ni faru la valorojn de demokratio, libero kaj homaj rajtoj bazo de nia identiĝo kun nia respubliko, tiamaniere malfortigante la naciisman elementon.
  Kiu nomas sin germano, devas aktive pledi por tiuj valoroj, pri kiuj ni devus fieri de 40 jaroj. Ĉiu, kiu tiel piedpremas niajn valorojn, metas sin kontraŭ niasocio kaj devas porti la konsekvencojn antaŭvideblajn en konstitucie jura ŝtato.

Al niaj samlandanoj kaj al niaj amikoj en la tuta mondo ni diras: Tion ĉi ni ne toleras! Ne eblas senkulpigi tiajn fiagojn. Ni apelacias al niaj membroj kaj al ĉiuj Esperanto-amikoj, ke ili kun ankoraŭ pli da civila kuraĝo ol ĝis nun aktivu por la protekto de homoj senkulpe minacataj.

En Mainz, la 4an de oktobro 1992
la estraro de Germana Esperanto-Asocio

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19.30 h.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## DECEMBRO

3 **Literatura vespero**
*Hannelore Brunow*

10 **klubejo fermita**
**pro sabata festo**

12 **Zamenhoffesto**
**Atentu!**
**Komenco 19°° h**

**Post la Zamenhoffesto - kiel kutime ne plu okazas ĵaŭdaj kunvenoj!**

## JANUARO

7 **klubejo fermita**
pro renoviga laboro

14 *Hella Lanka:*
**Poezio el Taĝikio**

16 *Studrondo*

21 *Hella Lanka:*
**Lumbildoj pri Schwerin**

25 ***GIS-Kunveno***

28 *Werner Bormann:*
**TEC de UEA**

30 *Studrondo*

**Bonvolu ne forgesi vian kotizon por la jaro 1993!**

**La kasistino petas, ĝiri kiel eble plej frue, ĉar la plua sendado al GEA devas okazi ĝustatempe.**

# Silaba enigmo

a - a - a - best - bis - ble - bro - chen - di - dig - dre - e - ek - eks - eks - gi - ĝi - haŭ - i - in -in - karl - ki - ko - kven - le - li - li - li - li - lo - lo - ma - ma - me - men - mi - mi - mo - ni - no - no - no - o - o - o - pe - ra - re - ri - ri - ro - ru - so - ta - te - ter - ter - to - to - to - to - tro - tru - ur - va - vi - zo

El la supraj silaboj estu trovitaj vortoj kun la sekvaj signifoj:

ĉirkaŭkovri ...............................................

plirapidigi ...............................................

malplenaĵo en io ...............................................

kapablo, flue paroli ...............................................

ĝardena rampuleto ...............................................

apartigi de la aliaj ...............................................

felo ...............................................

egalpezeco ...............................................

longa mallarĝa leda strio ...............................................

vivanta estaĵo ...............................................

nomo de nia polvosuĉilo ...............................................

perforte eniri kaj okupi ...............................................

kontrolata provo pruvi ion ...............................................

kateca rabobesto ...............................................

krii kiel besto ...............................................

interrompiĝanta ...............................................

ĉirkaŭmove antaŭenigi ...............................................

memrespekto ...............................................

homo, kiu publike paroladas ...............................................

profundegaĵo ...............................................

tute detrui, neniigi ...............................................

sufikso: "dorseniri" ...............................................

loko, kie iu loĝas ...............................................

*laŭ Hans Riisgaard*

# Kuraĝaj laikaj Esperantistoj

**(Reago de leganto)**"La finaĵo -a klare difinas adjektivon, kaj la reguleco de la lingvo ne permesas alian interpreton ol tiun unu". Ĝuste. Tio do ankaŭ validas por propraj nomoj. La reguleco de la lingvo ne permesas, ke virinaj nomoj fariĝu adjektivoj. Ankaŭ la virinoj mem ne permesas tion.

En la artikolo "Malkuraĝaj lingvistoj" de *Benno Klehr* (Esperanto Hamburg 4/92, p.9) la propra uzo de la finaĵo -a koncernas la participojn, kiuj "en aliaj lingvoj estas verboformoj, en Esperanto ne! ... el kiu fakto rezultas, ke ili estas adjektivoj, ne verboj". Sekvas la konkludo ke "la participo kiel adjektivo ne povas indiki tempon, sed nur staton ... de ia objekto en iu sama tempo".

Ĝuste tion asertas la tempismo. La frazo "**Hodiaŭ la kontrakto estas subskribata**" indikas -kiel la aŭtoro de la artikolo ĝuste komprenas- ke ĝi ne estas subskribita hieraŭ aŭ iam antaŭe de hodiaŭ. Sed la frazo ne indikas -kiel la aŭtoro tute miskomprenas- ke pro tio la kontrakto ankaŭ hodiaŭ "restas subskribata". Ĝi nur indikas, ke -kiel la aŭtoro ja antaŭe asertis- ke estas hodiaŭ (ne hieraŭ, ne morgaŭ) ke la kontrakto (t. e. la objekto) venas/venis/venos en la staton de "esti subskribita". La participo signalas nek finitecon, nek ne-finitecon, nek daŭron, nek rezulton, nek ne-rezulton. La participo signalas tion, kion la aŭtoro ja demandas de "adjektiva participo", nome ke ne la verbotempo sed ja la ŝanĝo de la stato de la objekto estu klare videbla.

La aspektismo estas terure firme enradikiĝinta en eĉ bonaj Esperanto-parolantoj. Ke Esperanto -kiel anoj de la aspektismo diras kaj kiel oni ankaŭ povas legi en la tie ĉi priparolata artikolo- "ne havas komplikaĵojn kiel ekz. *Plusquamperfectum* de la latina lingvo" sed "tamen eblas esprimi ion similan per la sistemo de la tri naturaj tempoj (-is, -as, -os)" estas nekomprenebla harfendaĵo. Esperanto baziĝas sur Hindeŭropaj lingvostrukturoj. Perforto de Esperanto ne estas iu "Latinemo" trovita en gramatikaj formoj, sed perforto de Esperanto estas la konfuzigo de Esperantistoj pere de frazoj kiel ekz. "Mi estas batita" kaj la sekva celerariga demando "Kiu povus konstati baton antaŭ ol ĝi trafis?"

Ĉu "bati" apartenas laŭaspektisme al la grupo de "vortoj kun daŭro kun rezulto" aŭ "sen rezulto" aŭ "sen daŭro"? Estas la samo kun la vortoj trafi, fermi, krevi... En la frazo "Mi estas batita" la vorto "estas" indikas, ke la afero okazas en nun-tempo; la finaĵo -ita indikas, ke la batado estas finita. Egalas ĉu unu, aŭ du, aŭ tri "batoj" okazis pere de iu batanto, kiu nun estas fininta la batadon. Metu nur la pasivecan frazon "mi estas batita" en la aktivan voĉon: do, "oni estas batinta min". Kiam oni ne celas al la aserto, ke la batado estas finita -eĉ kiam oni nur "paŭzas" dum la batado- la nemiskomprenebla Esperanta aserto estas "mi estas batata". Kiam la batado ankoraŭ ne komenciĝis sed ĉio estas preta por la batado, la frazo "mi estas batota" indikas tion. Ja estas tio, kion la aŭtoro *Benno Klehr* postulas de participo: ke ĝi signalu ne iun ajn verban aspekton sed la "ŝanĝon de la stato" de la objekto, t. e. ĉu ĝi estas batita, batata aŭ batota en iu sama tempo, nome en la priparolata nun-tempo. Tiom simpla estas la afero.

*R. Sachs*

---

Rim. de aŭtoro:

Fakte mi ne kredas ke estas tiom simple. La aspektismo havas certajn malfacilaĵojn, kaj plej multaj parolantoj -ankaŭ mi- ne ĉiam certas, kiun formon uzi de participo. Tamen la aspektismo estas plej uzata. Ke ankaŭ la tempismo havas malfacilaĵojn, montras la frazo pri la kontrakto (vidu en supra artikolo), pri kiu d-ro Fischer skribis al mi: "Der Satz »Hodiaŭ la kontrakto estas subskribata« ist semantisch Unsinn; niemand, auch kein "Tempist" würde ihn jemals verwenden." BK

# Estonio: persistema gnomo

**Estonio** estas la plej malgranda lando el la tri Baltaj respublikoj, kun areo de 45.100 kvadrataj kilometroj kaj 1,57 milionoj da enloĝantoj. La Ĉefurbo nomiĝas **Tallinn** kaj havas 503.000 enloĝantojn. Ĝis 1990 la lando estis parto de *Soveta Unio*. Granda parto de Estonio estas agrikulture uzata. La industrio okupiĝas pri maŝin-konstruo, teksado kaj ellaborado de fosfato. La ekonomie necesa ekspluatado de energi-dona olea ardezo estas kritikata pro ekolologiaj damaĝoj, kiun ĝi kaŭzas. Estonio havas havenojn ĉe la Balta Maro apud la Finna kaj la Livlanda Golfoj.

**Historio**: Kvankam en okcidenta Eŭropo oni imagas, ke vivis tie nur nomadoj en la stepo, jam en la 13a jc. ekzistis pluraj urboj, kiuj estis gravaj komercaj centroj: Narva, Pärnu, Tartu kaj Tallinn. La du lastaj eĉ estis membroj de la **Hanso**. En 1230 la **Danoj** fondis la episkopejon kaj kastelon **Reval** en Tallinn. La **Germana Kavalira Ordeno** en 1346 konkeris Estonion kaj regis tie same kiel en **Livlando** (Latvio) kaj **Kurlando** (Litovio). La grandaj potencaj landoj ĉirkaŭe daŭre disputis pri tiu grava apud-mara regiono. En 1561 Estonio fariĝis parto de Svedio, 1721 de Ruslando. En 1917 estis fondita Nacia Kunveno kaj en 1918 Estonio fariĝis **memstara ŝtato**. Per la kontrakto inter *Hitler* kaj *Stalin* de 28-9-1939 Estonio fariĝis parto de *Soveta Unio* en 1940. Estis loĝigitaj Rusoj en la lando, por rusigi ĝin. Tamen Estonio ne fariĝis rusa, sed konservis proprajn kulturon kaj lingvon. 95% de la Estonoj parolas la Estonan, kiu ne estas Slava (kiel la Rusa), nek Balta (kiel Latva kaj Litova), sed Baltofinna lingvo.

Hodiaŭ la lando suferas je grandaj ekonomiaj problemoj, kiel ĉiuj aliaj iamaj Sovetaj respublikoj. Tamen oni esperas, ke la **proksimeco** al Finnlando povas iom plifaciligi la revigligon de la komerco.

En la ĉefurbo **Tallinn** ekzistas grandega historia monumento: La historia urbocentro




kun urba muro kaj tranĉeo, katedralo kaj ruinoj de fortikaĵo (14a jc.). La gotika urbodomo kun apoteko el la jaro 1422 - unu el la plej aĝaj en Eŭropo - kaj la kastelo (parte el 1227), kiu hodiaŭ servas kiel sidejo de la registaro, estas pliaj atrakcioj, kiuj allogas turistojn.

**Narva** (74.000 enl.), urbo apud samnoma rivero proksime al la Finna Golfo, estis fondita ĉ. 1250. En mezepoko grava komerca urbo, hodiaŭ povas esti fiera pri kelkaj bone restaŭritaj konstruaĵoj, speciale la fortikaĵo.

**Pärnu** (50.00 enl.) iam estis komerce grava. Hodiaŭ ĝi estas libertempa trezorejo apud la Balta Maro kun mezepokaj konstruaĵoj kiel urbodomo kaj partoj de urba muro.

**Tartu** (104.000 enl.) estas malnova urbo kun Universitato el la jaro 1632, kiu plurfoje devis ŝanĝi la ŝtatanecon de Pollando ĝis Svedio. Post urba brulo en 1775 (kiel en Hamburg 1842) ĝi estis rekonstruita en klasikisma stilo (tre vidinda). Sole restis la antikva Toomemägi-kastelo, en kiu oni konservas antaŭkristanan ofero-ŝtonon. En restintaj partoj de la katedralo troviĝas la universitata biblioteko, kiu eĉ disponas pri gravuraĵoj de Rembrandt.

Klarigo: **Germana Kavalira Ordeno** estis fondita en la 12a jc. kiel kruc-milita ordeno. Post 1309 ĝi konkeris la regionon ĉirkaŭ sia nova sidejo Marienburg (nun Malbork) ĝis la Napoleonaj sekularigoj en 1809 forprenis la politikajn rajtojn. En 1929 ĝi estis reorganizita kiel nur-religia ordeno.

*Benno Klehr*

# Premio por G. Roemer

**Hamburg (hab).** *Gerald Roemer*, membro de Hamburga Esperanro-Societo kaj iama gvidanto de la Hamburga Junularo, estis honorigita per subtena premio por eksterordinaraj diplomverkaĵo en konstrua fako. La nove fondita premio estas dotita per GM 5.000,- de *Vereins- und Westbank*.



**Gerald Roemer meze de gajnintaj koleginoj**

Gerald Roemer estis premiita por lia "Evoluiga koncepto por pliampleksiga areo por la urbocentro de Schwerin. Liaj ideoj pri nova utiligado de la tereno de la iamaj Sovetaj kazernoj, kun kvin variaj proponoj pri vendejoj, magazenoj, loĝejoj, kulturejoj, servoj kaj parkejoj, ankaŭ enfluis en la diskutadon de la komunuma politiko.

Jam antaŭ kelkaj monatoj, antaŭ la kongreso en Schwerin, Gerald prelegis en nia klubejo pri la historia evoluo de la malnova urbo. Pro liaj profundaj scioj pri la historio, la urbaj strukturoj kaj la socia vivo, li povis fari novan planadon, kiu ne provokas proteston kiel "planado sur desegna tabulo".

La du aliaj gajnantinoj, *Kerstin Seemann* kaj *Edith ten Thoren*, ankaŭ ellaboris konceptojn por orienta Germanio. Ilia temo estas la diversaj eblecoj de turismo ĉe la Balta Maro inter la urboj Rostock kaj Stralsund kaj ties sekvoj por la evoluo de la apudmaraj banlokoj.

laŭ Hamburger Abendblatt - *13.11.92*

# Pri *terura* enigmo

Enigmojn mi solvas senĝene,
kun ĝojo kaj granda plezuro,
mi trovas la vortojn senpene,
facile kaj kun bon-humuro.

Sed nun sur skribtablo jen kuŝas
l' hamburga enigmo ***terura,***
trankvilon de mi ĝi forpuŝas,
ne plu estas mi tre sekura.

Plej strangajn la bestojn kaj florojn
mi serĉas je ĉiu leksikono,
de antikvaj popoloj la morojn
kaj sonĝas pri Napoleono.

Mi pensas, cerbumas, laboras,
la kapo vortice turniĝas,
pro streĉo nenion mi memoras,
mi timas ke mi freneziĝas.

Finfine ... jen grava decido -
mi ĉesas la pezan laboron
kaj mi, kun perfida rido,
insultas l' hamburgan aŭtoron!

Magie la trankvilo revenas,
spiradas mi nun tre profunde,
la fia kondut' min serenas,
nun ... vortojn mi trovas abunde!

*Luisa Windisch - la Manna*

# Kontaktoj kun Esperantistoj en Templin

Ekde lajaro 1970 ekzistas malgranda Esperanto-grupo sub la gvidado de s-ro *Horst Steinbrück* en Templin ĉe la Kultur-Ligo. Sed ĝis la *turniĝo* [t.e. politika ŝanĝo de GDR - **Red.**] ĝi stufiĝis en sia propra suko. Kontaktoj kun eksterlandaj geesperantistoj nur ekzistis kun PEA-grupo en Szczecin (Stettin) kaj ĉeestadoj dum la *Ĉebalta Esperantista Printempo* (ĈEP) en Koszalin (Köslin). Sed ĝi ekde kelkaj jaroj ne plu funkciis. Diversaj politikaj kaj ekonomiaj kvereloj en Pollando kaj eksa GDR stopis la kunlaboron. Nur skribaj kontaktoj ekzistis kun geesperantistoj en diversaj landoj. Vizitoj de geesperantistoj en aliaj landoj ne funkciis, ĉar la ŝtata estraro ĝin ne ŝatis, ne volis kaj ankaŭ ne subtenis. Kun la kunigo de FRG kaj GDR venis preskaŭ la fino de la Esperanto-movado en nia subdistrikto. Tre malrapide ekestas ĉi tie nova vivo en la movado. Tro multaj geesperantistoj nun estas senlaboruloj aŭ subite pensiuloj kaj la mono ne sufiĉas por normala vivo. La kostoj pli rapide altiĝas ol la enspezoj de la geamikoj. Kaj nun ni spertis grandan plezuron: Antaŭ kelkaj monatoj serĉis la geesperantistoj de la Hamburga Esperanto-Klubo kontaktojn kun geesperantistoj en la lando Brandenburg. Sukceso kronis ilian serĉadon. En Templin ili trovis geesperantistojn, kiuj ankaŭ serĉis kontaktojn celante novvigligi la Esperanto-movadon en la subdistrikto. Ekde la 24a ĝis la 26a de Julio vizitis geesperantistoj el Hamburgo la geesperantistojn en Templin, por ligi kontaktojn kun geesperantistoj en la orienta parto de Germanio. Kun ĝojo ni salutis ilin. Estis por ĉiuj bela okazintaĵo. Esperanto-amiko Steinbrück gvidis la grupon ĉirkaŭe kaj tra la historia urbo kun urbmuroj kaj -pordegoj. Li donis multajn informaĵojn pri la historio kaj la nuntempa urbo. Paŭzo dum la urbrigardo estis en nova kafejo. Vespere estis kradrostado kun geamikoj en nova kvartalo de la urbo, kie ankaŭ partoprenis raportisto, kiu pri la kunveno raportis en la gazeto **Märkische Allgemeine Zeitung**. Espereble tiu ĉi kunveno, la unua post la *turniĝo*, intensigas viglon kaj la movadon en nia subdistrikto kaj la kunlaboron inter Hamburg kaj Templin.

*Horst Steinbrück*

# KULTURA ESPERANTO-DOMO

En la Franca Kastelo Grésillon ankaŭ ĉi-jare okazos diversaj internaciaj aranĝoj, inter Aprilo kaj Aŭgusto. Infana, feria kaj kursa programoj proponas al ĉiu ion interesan. La bela Naturo ĉirkaŭ la kastelo invitas al promenado kaj migrado. Ekskursoj al la proksima Loire-valo estas tre interesaj.



Pliajn informojn kaj programon petu ĉe:

Esperanto-Domo,
Inform-servo,
17, rue César Franck
F-44240
La Chapelle-sur-Erdre
(Francio)